# Pola Esperantisto
# Esperantysta Polski


| XXXII JARO | NRO 5 | MAJO 1938 |
| --- | --- | --- |

ELDONANTO — WYDAWCA
POLLANDA ESPERANTO-DELEGITARO
REDAKTANTOJ — REDAKTORZY
PROF. DR ODON BUJWID — MGR TADEUSZ HODAKOWSKI

Aperas la 20-an de ĉiu monato. Redakcian materialon oni petas sendi ĝis la 10-a de ĉiu monato. La redakcio estas rajtigita laŭ bezono ŝanĝi la tekston de manuskriptoj.


## TUTMONDA ESPERANTO CENTRO — T. E. C.

Al estimataj samideanoj M. Rollet de l'Isle, J. R. G Isbrücker. Hans Jakob kaj Louis Bastien, ĉefuloj kaj kompetentuloj de neŭtrala E.-movado, mi dediĉas ĉi miajn penadojn por bona estonteco de nia afero.

Mi ĝojas. Eĉ tro multaj samideanoj, dum tiel mallonga tempo post apero de mia artikolo pri starigota TEC, sendis al mi siajn skribaĵojn por gratuli aŭ diskuti miajn ideojn.

Kvankam IEL kaj UEA, tio ĉagreniĝas min, ne permesis publikigon de mia studeto en siaj oficialaj gazetoj, kaj tio pro troa malkuraĝo rilate novajn ideojn, multaj esperantistoj atentis miajn konsilojn kaj eĉ iuj proponis al mi enreligon de la afero en la diskutado de Londona Kongreso.

Nune mi dankas ĉiujn. Mi nur celas klarigi mian projekton pri tia SEC, kiun, frue aŭ malfrue, oni devos necesege atingi por bono kaj utilo de nia helpa lingvo kaj de la esperantistaro.

El multaj juĝoj mi prenas antaŭ ĉio tiun de la Redakcio de „Pola Esperantisto".

Oni ŝuldigis al mi troan detalecon intermiksitan en gravaj aferoj. Oni nomis miajn detalaĵojn, bagatelaĵoj, Nu, mi volas esti malpli mallonga, sed klara.

Antaŭ ĉio mi diras, ke mi ne estis vere tro detala, ĉar mi kredas, ke iaj praktikaj detalaĵoj estas necesaj, kaj krome, mi ne forgesis ecencan problemon, ĉar mi al tiu argumento dediĉis preskaŭ duonon de la artikolo.

Efektive, kvankam samideano Józef Przyborowski skribas al mi interalie „Traleginte vian projekton de la TEC, mi rimarkis multajn projektojn interesajn kaj bonajn detalaĵojn, sed, al mi ŝajnas, mankas al ĉio bona filozofia fundamento, kiu povus fari la aferon pli natura...", mi devas tuj deklari ke TEC ne devos havi **ian ajn idealan bazon.** Ĝi estos nur tutmonda centro de penado por E., malinteresiĝonta pri ĉia ajn problemo ĉu socia, ĉu religia, ĉu politika, ĉu nacia, ĉu klasa, ktp.

**Tutmonda Esperanto-Centro eĉ ne estos asocio kun anoj. Ĝi estos nur oficejo de helpa lingvo Esperanto.**

Oni eraregas nune, kreante internaciajn neŭtralajn universalajn asociojn (UEA — IEL). Esperanto ne estas doktrino, ne estas dogmo, ne estas kreaĵo; Esperanto estas nur lingvo, eltrovita de homa genio por la utilo de l'homaro. Do ĉiaj t. n asocioj ne apartenas al ĝi, sed precipe ne apartenas al ĝi universala asocio kiel reprezentanto de centra oficejo.

Tiaj societoj, post grava penado por ilia starigo, tuj montriĝas maltaŭgaj (ne la naciaj!) kaj kaŭzas domaĝojn al nia penado. Tuja ŝanĝo de nunaj direktivoj kaj bona rekonstruo de neŭtrala — pli bone mi dirus „maltendenca" — Esperanto-centro fariĝu penado de ĉiu honesta kaj inteligenta esperantisto!

Oni devas tuj konvinkiĝi, ke multaj kaŭzoj malhelpas nune vivadon de asocioj. Unue oni malfidas la vortojn, oni ne kredas la promesojn, oni dubegas la pravecon de ĉi tia aŭ alia organizaĵo. Ne ĉiuj povas sin dediĉi al esperantismo, kaj ne ĉiuj povas scii evoluon de la cirkostancoj. Due, oni petas monon: naciaj societoj petas monon, fakaj petas monon, tutmonda petas monon, plaĉa revuo aŭ libro kostas monon. Kiom da mono estas bezonate?

Ĉiu esperantisto ĝin bone scias. Sed pacienco povas daŭri iom da tempo, poste la samideano laciĝas kaj ...foriras el Esperantujo.

Trie, kvamkam tiom da mono estas donite al multaj petantoj, oni eĉ ne povas koniĝi kun la tutmonda E.-movado, ĉar estroj forgesas elspesi la sumojn por bono de la paĝintoj.

Ekzamenu ni. Trafoliuminte eĉ jarkolekton de ia grava periodaĵo, kiel ni povas lerni tutmondan E.-vivon? Preskaŭ neniel. Multajn artikolojn, jes, ĉu polemikajn, ĉu acidajn, ĉu dolĉegajn oni donas al la legantaro, sed ĉiam malmulte interesajn.

Oni ne pritraktas eldonajn problemojn, oni ne publikigas seriajn studojn pri gravegaj verkoj, oni ne konigas laborojn de la Akademio, oni forgesas publikigi anoncojn de esperantaj gazetoj, oni malfrue informas pri radio-dissendoj, oni preskaŭ ĉiam volonte forgesas tiajn informojn, kiuj koncernas instituciojn malsimpatiajn.

Ĉi agadmaniero ne taŭgas al vere centra organizaĵo, kiu devus konigi veran vivadon de nia lingvo, kaj tia konduto eĉ malutilas al Esperanto.

TEC de mi proponita devus forpuŝi ĉiujn tiajn difektojn. Ni devos esti asocio, ĉar societinstitucio ne taŭgas al nia penado; devos esti, kontraŭe, nur centra oficejo, kiu laboros por Esperanto sendiference rilate al laboremuloj, kiuj penadas por nia lingvo.

**TEC devos esti nura institucio, kiu per nura pago de abono,** laŭ kiel eble plej **malaltaj kotizoj, donos al esperantista publiko eblon kontaktiĝi kun la E.-movado sub ĉiaj ĝiaj aspektoj.** Alcentrigo de ĉiaj ĉefaj centraj laboroj permesos tion.

Kiam UEA, IEL kaj Akademio estas nuligitaj, oni povos krei novan, taŭgan, bonan tutmondan Esperanto-Centron.

La estimata samideano Teo Jung skribas al mi jene „Krome mi miras, ke vi proponas novan organizon de individuaj membroj, kaj tion kiam la esperantistaro kreis al si tian internacian organizon, en kiu ĉiu membro de landa asocio samtempe estas membro. Por tia organizaĵo ja oni luktadis dum jardekoj!".

Mi permesas al mi dubegi pri luktado „dum jardekoj" por kreo de internacia asocio, en kiu ĉiu membro de landa asocio estu samtempe membro de la internacia **sen ia ajn sia permeso.**

Certege la estroj de tiaj internaciaj asocioj por monaj bezonoj penadis starigon de statutaj monŝuldoj rilate la naciaj societoj. Ĉi tion mi bonege komprenas, sed mi ne aprobas.

Samideano Jung bonvolos atenti ke TEC, ne estante asocio, ne havos anojn kiel UEA IEL aŭ aliaj asocioj; ĝi havos nur **abonantojn,** kiuj pagante sumeton (atentu, malgrandan sumeton!) ricevos plej bonajn servojn.

Graveco de Esperanto kaj ĝia ebla disvastiĝo kaj aprobo en internacia vivo ne dependas eĉ iomete de „asociaj membroj" AM de la t. d. tutmonda Ligo. Ni ĉiuj scias, ke la nombro de esperantistaro ne estas 15.000 kaj ne 100.000; ĝi povas atingi vere altegan nombron, se ni konsideras esperantistoj tiujn, kiuj nur eklernis la lingvon kaj foriris el movado, ĉar en ĝi ne trovis utilon al siaj bezonoj. Se ni volus konsideri tiujn, kiuj estras la lingvon, nu tia nombro treege malaltiĝus! Do kion celas tiaj AM, kiuj pagas nevole sumeton, kiuj ne ricevas ian ajn informon el la ligo, kiuj ne valorigas nombrecon ĉu kiel esperantistoj, ĉu kiel lertuloj?

Neutila diskutado!

Oni devas havi la kuraĝon gardi la veron kaj decidi: aŭ por helpa lingvo, aŭ kontraŭ ties penadoj.

Aŭ Esperanto estas utila eltrovo kaj ni post kvindek jaroj de propagando povas diri, ke grava nombro de homoj ĝin lernis, ke duonjarcento ne estis malŝparita por utopio, kaj ni subtenu ĝin per ĉiuj niaj fortoj kaj konvinkoj, aŭ ĝi estas bagatelaĵo, kaj ni lasu la aferon al fanatikuloj.

Centra Organizaĵo, kiu montras disvastiĝon de Esperanto per 15.000 anoj estas ridinda kaj ridenda propagandilo.

Sed revenante al problemo „Kion signifas AM", mi devas vereme rekoni, ke tia kategorio de pagantaj membroj ne pezas sur la bilanco de Esperanto-diskonigo.

Oni ne povas influi per eldiro, ke 15.000 esperantistoj ekzistas en la mondo: oni devas ĉiam aldoni, ke krom anoj de internacia asocio ekzistas alia nombraro de Esperanto-sciantoj

Asociaj Membroj nur validas pro siaj malaltaj kotizetoj, ne pro aliaj celoj.

MI DEKLARAS, KE TIA ENKASIGO DE MONO ESTAS MALĜUSTA.

Oni devas, por venko de Esperanto, ŝanĝi profunde nunajn kutimojn kaj sistemojn; oni devas reveni al ĝusta vojo, al tiu vojo, kiu diras, ke Esperanto estas lingvo. Kaj poste oni povos trankvile ekzameni mian projekton kaj eltrovi ĝin ĝusta.

* * *

Ekzamenu vivadon kaj laboradon de starigota TEC (tutmonda centro de Esperanto, ne de esperantismo kaj esperantistoj, kiu ne estos asocio, sed oficejo).

Mi traktis en mia unua artikolo t. d. detalaĵojn, bagatelaĵojn. Mi nune ĝustigas mian intermiksadon de detaleco en gravaj aferoj.

Mi proponis starigon de iaj fakoj, kaj ne sen antaŭpripensadi la aferon

1 — LINGVA FAKO: Estas la plej grava por Esperanto, ke estas lingvo. Antaŭ ĉio oni bezonas konservi la lingvon, anstataŭ ĝin disvastigi. Do funkciado de tia fako estas gravega kaj bezonega.

Ofte oni ĉagrenas pro laboremo (aŭ MALlaboremo) de nuna Akademio. Estas de lastaj tagoj plendo de L. K. Stefano La Colla pri intenco de nuna Prezidanto de la Akademio prilabori plenan vortaron kaj difinoj de ĉiuj votoj. Oni laboras, mi ne neas, sed sen energio. Por bona vivo de nia lingvo bezonegas, ke ties problemo ne estu forgesata aŭ preskaŭforgesata. Aktiva ĉiutaga laborado necesas kaj mi ne povos ĝin havi, ĝis kiam serioza oficejo ne havos tian taskon.

Starigo de Lingva Fako permesos daŭran kontroladon, publikigon de oficialaĵoj, ktp. Ankaŭ reveno al unuaj principoj estas necesa. Nuligo de nunaj Lingva-Komitatanoj kaj elekto de dumvivaj Akademianoj Kial hodiaŭ oni rekonas plenan spertecon al iuj esperantistoj, kaj poste oni nuligas tian rekonon, oni malfacile povas pravigi*).

Aktiva Komitato estas alia afero.

2 — KRITIKA FAKO: Ĝi estas ne nur utila, sed necesa, urĝa. Kiomfoje oni legas en la gazetaro severajn kritikojn pro abundeco de malglataĵoj, de novvortoj, de eraregoj eĉ ankaŭ lingvaj donitaj al la esperantista publiko de iaj verkistoj kaj eldonantoj ne tro skrupulaj?

Atenta informado kaj daŭra publikigado en oficiala gazeto (tiu de TEC) pri valoro de ĉiuj esperantaĵoj estos ne nur utila, sed bonega por la lingvo kaj por la aĉetantoj.

Laŭvola tralegado kaj korektado, kontraŭ pago de malgranda sumeto, helpegos ĉu la verkistojn, ĉu la eldonantojn kaj nia esperanta libraro povos riĉiĝi je bonaj eldonaĵoj.

Kian utilon gajnos nia lingvo el funkciado de tia Fako!

3 — GAZETA FAKO: Mi detalis pri periodeco kaj formato de la gazeto. Eĉ tiaj detalaĵoj ŝajnas troaj al iaj samideanoj. Sed malĝuste.

„Vestaĵo ne faras monaĥon. sed ...duonan!“ estas popola proverbo kaj saĝa. Ne estus certe la monateco, duonmonateco aŭ semajneco, kiuj gravos por la propagando kaj studo de Esperanto, sed kiu kuraĝas kontraŭdiri, ke ĝusta ofteco ne estas bona kvalito de ia ajn periodaĵo kaj ke en Esperantujo, por oficiala gazeto, dezirinda alveno estas la plej bona dezirindaĵo?

Mi pensas kaj kredas, ke periodeco de ofic. gazeto estos bona, kiam permesos ĝian alvenon ne tro oftan, sed ankaŭ ne tro maloftan.

Regula duonmonateco estas la plej bona periodeco, ĉar ĝi ne lacas okupitajn legantojn kaj kontentigas fervorulojn.

Ankaŭ formato estas grava, jes. La plej granda nombro da samideanoj deziras kolekti kaj eble bindigi jarajn kolektojn de la gazeto. Formato cm 35×25 estas taŭga; ĝi ne estas tagĵurnala, ne estas gazeta, ne estas tro granda kaj ne tro malgranda! 8—12 paĝoj permesos jaran kelekton de 200/240 paĝ.; 4 kolonoj po paĝo faciligos al redaktoroj bonan prezenton de artikoloj, anoncoj, ktp. Fine oni bezonas konsideri, ke tia oficiala gazeto devos montri al la esperantistaro ĉion, kion oni faras en Esperantujo, ĝi devos esti vera film-panoramo de la E-vivo kaj pro tio devos ne nur utili al la esperantistoj, sed ankaŭ kaj eble precipe al ne-esperantistoj.

Konsekvence ĝia aspekto estas tre grava kaj penado ĝin fari taŭga estas atentinda kaj atentiga. Nune mi nur diras, ke estantaj gazetoj ne ludas siajn rolojn.

4 — SERVADA FAKO: Oni kritikis ankaŭ ĉi starigotan fakon! Kion ne kritikos la homaro?!

Mi certe konsentas, ke ne ĉiam oni bezonos „Fakon por servado“. Kiam Esperanto estos oficialigita kaj internacie uzata, ĝi ne bezonos plu neŭtralan servadon por la esperantistaro. Tiam oni funkciigos fakajn asociojn kaj ĉiu esperantisto uzos tiajn asociojn por siaj bezonoj, sed ĝis tia plenvenko ni bezonas ĉi Fakon.

Pri ĝia funkciado mi ne devas diri multon, ĉar oni konas bone funkciadon de nunaj UEA kaj IEL. Servada Fako de TEC nur ne rilatos „membrojn“ sed „abonantojn“ kaj donos pli bonajn servojn ol la nunaj institucioj.

*) Vere tre trafa observo (La red.)

5 — ELDONEJA FAKO: Dio gardu la homojn, kiuj kuraĝas tuŝi iomete interesojn de aliuloj! Eldoneja fako, laŭ antaŭvidoj de iaj interesitoj, mortigos privatajn eldonistojn, ĉar kiam gravaj verkoj estos eldonataj de oficiala institucio, kiu vendos librojn aliajn?

Ho naiveco! Eldoneja Fako ne fariĝos nur komerca eldonejo, ne faros mallojalan konkurencon al estimindaj kaj admirindaj eldonistoj. Ĝi prizorgos nur presadon de majstraj verkoj (Zamenhofaĵoj, Jarlibro, Gazeto, kaj malmultaj aliaj). Ekzistas iaj libroj, kiuj interesas ne nur esperantistojn kaj aĉetantojn, sed precipe la lingvon Esperanto. Tiaj libroj devas esti disvastigataj kiel eble plej multenombre kaj je malaltegaj prezoj.

Ne rajtas komercaj interesoj de iu aŭ alia persono plendi pro monopoligo de dek aŭ dudek verkoj. Supera intereso de Esperanto devas starigi al si iajn rajtojn, kiuj utilegas al nia celo: al venko de Esperanto.

Do eldoneja fako prizorgos, ekz. eldonadon de Zamenhofaj verkoj ĉu originalaj ĉu tradukitaj, de Kabaj verkoj, de Enciklopedio de Esperanto, de Wüster-a Enciklopedio (plena), de Plena Vortaro (vere plena) ktp.

Ĝi prizorgos ankaŭ eldonadon de oficiala gazeto kaj de jarlibro.

Rilate la JARLIBRO mi konsilis dujaran aperadon kaj iuj kritikis mian proponon. Certe mi ne neas, ĉiujara eldonado estus preferinda, sed mi pensas, ke anstataŭ presi jaran libreton estus pli bona dujara eliro de g r a v a kaj p l e n a adresaro. En ĝi oni devos enpresi ne nur adresaron de tiel diritaj delegitoj (estonte oni nomos „Helpemuloj" elektotaj el la abonantoj), sed ankaŭ adresojn de ne-pagantaj esperantistoj, por ke ni povu havi adresaron de ĉiuj lokoj en la mondo, kie ekzistas Esperanto-sciantoj.

Tia plena adresaro helpos precipe la abonantojn de TEC kaj propagandon por nia lingvo.

En dujara jarlibro oni publikigos ankaŭ raportojn pri naciaj, faksocietaj kaj internaciaj kongresoj aŭ kunvenoj.

Jarlibro devos esti vera resumo de dujara laborado por E. kaj nur ia TEC laŭ miaj proponoj povos ĝin redakti kaj diskonigi.

Fine mi proponis FAKOn de LINGVAJ INSTITUTOJ, kiu federaciigos ĉiujn ekzistantajn lingvajn instituciojn.

Nur ĉi tia estas vere ebla federaciigo de naciaj institucioj por E. kaj ĉar kunestigo de tutmonda laborado estas ne nur utila, sed necesega, mi tuj deklaras, ke urĝas ĝia efektivigo.

Oni akiras ĉiujare novajn ekstudantojn de nia lingvo, sed tiom facile oni ilin forlasas kaj ne enkadrigas en niaj asocioj. Ĉu novesperantistoj ne ŝatis la lingvon, ĉu ne povis pagi — aŭ ne volis — kotizojn, ni perdas tiajn grandajn fortojn kaj ne povas ilin kalkuli.

Domaĝo!

Kvankam tiaj miloj da novaj adeptoj ne pagos kotizojn, certe ni povas deklari, ke tiaj preskaŭ esperantistoj forgesos neniam sian intereson al nia lingvo kaj eble post ankaŭ multaj jaroj eĉ revenos al movado. Sed se ni forgesas ilian ekziston, kiel ni povos altiri al ni ilin?

Jen precipa celo de federacio de lingvaj institutoj. Konservadi plenan sliparon de tiaj simpatiuloj, korektadi iliajn adresojn pere de informoj aŭ de interesuloj aŭ de „Helpemuloj" aŭ de la institutoj mem kaj per tia laborado krei eblecon povi starigi taŭgajn statistikojn por la propagando. Cetere tia adresaro estos tre utila por TEC-propagando, ĉar aŭ pere de naciaj institucioj aŭ rekte, foje-al-foje, oni povos revivigi memoron pri Esperanto per sendo de propagandiloj. Ĉu iuj, kiujn nune ni ne enkadrigas en nia organizaĵo, povos pagi kotizojn kaj fariĝi bonaj propagandistoj?

Preter ĉi tio oni povos starigi bonan kontakton kun la instruistaro de E. kaj faciligi **veran propagandon,** kiu estas tia, kiu gajnas novajn lernulojn.

Ankaŭ aliajn servadojn oni povos krei en kadro de TEC. Nur post ĝia efektivigo oni povos malkovri ilian utilecon kaj vole realigi por bona estonteco de nia lingvo.

* * *

Nune mi devas ankoraŭ iel respondi al tiaj samideanoj, kiuj petis al mi miajn ideojn pri akordiĝo inter UEA kaj IEL, akordiĝo necesa por starigo de nova centra organizaĵo.

Mi devas ankoraŭ unufoje rediri, ke tia naiveco ne estus antaŭpensinda kaj imagebla.

Akordiĝo inter nunaj institucioj estas la afero plej facila kaj logika. Mi ne vidas seriozajn kaŭzojn, kiuj povus malhelpi finalvenon de akordiĝo necesa. Oni povus malkontenti pri elekto de sidejo, sed mi kredas, ke bona volo sufiĉus por sukceso.

Ŝuldoj kaj laboroj de kreota TEC estos tiomaj kaj malsamaj, ke mi pensas ebla kaj eĉ vere utila disigon de ili.

Oni povos ŝuldigi al Londona Oficejo iajn laborojn kaj al Geneva aliajn.

Tia malproksimeco de la du oficejoj estos eĉ tre utila kaj akordiĝo inter la du tutmondaj asocioj estus realigota.

NURA NUNA PENADO DE TUTMONDA ESPERANTISTARO DEVAS ESTI ATINGO DE REALIGO DE TUTMONDA ESPERANTO CENTRO.

* * *

Mi finas mian longan klarigon kaj esperas, ke ĉi miaj vortoj kapablos komprenigi miajn ĉefajn ideojn pri centra tutmonda reorganizo de tutmonda E.-movado.

Cetere mi estos tre feliĉa, se mi havos la plezuron ricevi ankoraŭ amase leterojn kaj petojn. Mi nur petas aldoni poŝtrespondkuponon, se oni petas personan respondon. Mi ne povas elspezi tiom de mono por afranko!

Mi dezirus ankaŭ, ke ĉiuj gazetoj represu ĉi mian artokolon plene kaj ankaŭ la unuan, ĉar mi volus, ke antaŭ la Kongreso oni povu pristudi la aferon kaj eble realigi por la estonteco de Esperanto.

Kiel antaŭe bonvolu sendi korespondaĵoĵn kaj po du ekzempleroj de la gazetoj, kiuj enpresos ĉi artokolojn al jena adreso:

Corrado CERRI, Instruisto Direk. de „LA NOVA pro LINGVA REVUO" RAMAZZANO (Perugia - Italujo).

# POR PURA LINGVA EVOLUO II.

## Esperanto egala al naciaj lingvoj?

Ekzistas esperantistoj, kiuj — kompreneble bonintence — ne ĉesas disdiri, ke Esperanto estas ĉiurilate egala al naciaj lingvoj. Dirante tion, ili kredas servi al la lingvo propagandacele, sed en vero iliaj vortoj malbone efikas internen, t. e. sur la kvalito de la lingvo mem.

Sendube Esperanto estas almenaŭ egalvalora al — eble eĉ pli valora ol — la lingvoj naciaj; sed per ĉiaj ajn argumentoj oni ne kapablas forrezoni la fakton, ke ĝi estas lingvo arte farita kaj ne senbride kaj ĥaose kreskinta.

La artefariteco de Esperanto elmontriĝas diversrilate. En la kadro de tiu ĉi artikolo ni priparolu nur unu tian fakton, kiu konstante influas malbone nian literaturan lingvon:

Ni scias, ke pere de Esperanto multaj homoj sukcesas riĉigi la propran menson, akirante en spirita regiono kapablojn, kiujn ili sen Esperanto eble neniam akirus. Ni scias ekzemple, ke ekzistas personoj, kiuj kapablas fari longajn paroladojn en Esperanto, sed ne en sia lingvo nacia. Aliaj verkas aŭ tradukas artikolojn, eĉ librojn en Esperanto(n), sed antaŭ sia esperantistiĝo neniam eĉ nur pensis pri tia agado en la propra lingvo. Ankoraŭ aliaj verkas poemojn en Esperanto, argumentante, ke Esperanto estas lingvo speciale favora al poemfarado, sed en la propra lingvo ili ne sukcesas kuneglui poemeton.

Ĉu efektive la scio pri Esperanto dotis tiajn homojn per tiaj talentoj? Ne, nepre ne! Esperanto povas riĉigi la menson, akrigi la spiriton, plibonigi kapablojn, sed ne donacas kvalitojn, tiom malpli talentojn. La kaŭzo de tio, kion oni preskaŭ ĉiutage povas konstati ĉe tiom multaj esperantistoj, ne estas talentoj iliaj, sed — bedaŭrinda kaj maldolĉa vero! — multrilata fuŝado pri la lingvo.

Imagu, ke la rapidlanga parolanto faras sian paroladon anstataŭ en Esperanto en sia propra lingvo, sed kun precize la samaj kvalitoj, bonaj kaj malbonaj! Imagu, ke la lerta tradukemulo donacas al ni libron tradukitan en nia propra lingvo, sed kun precize la samaj stilaj kaj gramatikaj eraroj! Fine imagu, ke la rapidpluma poeto regalas nin per poemoj nialingvaj anstataŭ Esperantaj, sed kun precize la samaj strange disĵetitaj vortoj, kvazaŭrimaĵoj, akcent-modifoj k. s. Ĉu tiuokaze la parolanto, la tradukinto kaj la poeto ne farus sin publike ridindaj?

„Sen ia dubo!" oni respondos al ni, „sed ĝuste en Esperanto tiuj homoj lertigis sin, kaj ĝuste Esperanto estas lingvo speciale taŭga por tia sinlertigado".

Tamen ne; en kaj per Esperanto oni povas disvolvi siajn kapablojn kaj talentojn, sed, ne posedante ian talenton, oni ne sukcesas krei ĝin nur per Esperanto, eĉ ne, sciante la lingvon dum tuta vivo. Kiu ne kapablas oratori, verki, traduki aŭ fari poemojn en la propra lingvo, neniam sukcesos fari ion tian en Esperanto, ĉar neniu povas fariĝi lerta esperantisto, tute ignorante la gepatran lingvon, kiun oni ĉiutage uzadas. Kaj neniu povas evolui en Esperanto, ne iagrade evoluante ankaŭ en sia nacia lingvo. Kaj se efektive oni prezentas al ni verkojn originalajn aŭ tradukitajn kaj poemojn kreitajn de tiaj homoj nespertaj en la gepatraj lingvoj, ni estu certaj, ke en iliaj plumproduktoj avarmas eraroj.

Jen la danĝera diferenco inter Esperanto kaj la lingvoj naciaj: en ĉiu nacia lingvo ĉiu iom instruita homo tuj rimarkas la erarojn, ĉar la fiksitaj lingvaj reguloj malpermesas, ke oni peku kontraŭ ili. Kaj se iaokaze ne ordonas regulo, ekzistas ankaŭ kutimoj, postulantaj obeadon. Kontraŭe en Esperanto la eraroj ne tiom facile rimarkiĝas, unue por tio, ke la granda amaso da esperantistoj konsistas ankoraŭ el studantoj ne kapablaj juĝi pri korekteco aŭ erareco; due, ĉar malgraŭ sia logikeco la Esperantaj lingvaj reguloj estas tiom elastaj kaj lasas ankoraŭ tiom da libero, ke oni povas diversmaniere klarigi al

si iajn gramatikaĵojn, pro kio kreskis pri iaj aferoj pli malpli diferencaj personaj opinioj; kaj trie, pluraj esperantistoj, precipe en la lastaj jaroj, pli malpli ignoras la logikon, enkondukante en la lingvon tiujn ecojn el la gepatraj lingvoj, kiuj aŭ speciale plaĉas al ili, aŭ kiujn ili pro nesufiĉa scio pri Esp. ne kapablas eviti en sia uzado. El ĉio ĉi rezultas grava danĝero minacanta la liberan evoluon de Esperanto, ĉar laŭ tia procedo Esperanto akiros iujn mallogikajn, nekonsekvencajn kaj komplikitajn ecojn, kiujn jam posedas ĉiuj naciaj lingvoj kune. Se oni efektive volas rigardi Esperanton almenaŭ egalvalora al la naciaj lingvoj, oni ne apliku al ĝi naciajn lingvajn regulojn aŭ kutimojn, nek kiel studanto juĝu kvazaŭ spertulo; sed oni komprenu, ke Esp. devas evolui ne laŭ spiritoj de arbitraj naciaj lingvoj, sed laŭ propra spirito Esperanta!

*Nia unua alvoko jam efikas sukcese. Kelkaj Esperanto-gazetoj represis ĝin kaj de diversaj kompetentuloj ni ricevis apogan respondon, i. a. de la Direktoro de l' Sekcio por Kontrolo en la Esperantista Akademio.*

*Ni daŭrigos nian agadon, montrante la malbonojn en la uzado de nia literatura lingvo, kun la nura celo: konduki ĝian evoluon en bona direkto. Kiu aprobas nian agadon, bonvolu informi nin pri tio!*

Literatura Komitato,
Adreso: G. J. Degenkamp, Rietstraat 40, Utrecht, Nederlando.

(Aliaj gazetoj bonvolu represi.)

*WŁADYSŁAW ST. REYMONT.*

# *POLA PRINTEMPO.*

Mi forkuradis el Italujo, pelate de ne venkebla sopirado je la patrolando.

Mi veturis tagojn kaj noktojn, ĝis iun fruan junian tagon, antaŭ sunleviĝo, dum tagiĝo, vagonaro elĵetis min sur malgranda, senhoma stacieto en ĉirkaŭaĵo de Piotrków kaj forkuris kun bruo.

Mi estis kvazaŭ elĵetita el ĥaoso sur la fundon mem de trankvilo.

La transiro estis tiel abrupta, ke longan momenton mi ne sciis, kio al mi fariĝis, mi estis ankoraŭ traigita de bruo de vagonaroj, de krioj kaj movo de tiomtaga furioza veturo; mi ĉirkaŭrigardis senhelpe, kaj tra la cerbo ruliĝadis sunaj pejzaĝoj, montoj, maroj, kriplenaj urboj, miloj da vizaĝoj, miloj da objektoj, miloj da voĉoj - fantomis en mi...

Grize estis kaj tiel malplene, kaj tiel silente, ke mi rekonsciiĝis.

Mi iris en tiun antaŭtagiĝan krepuskon, en kampojn, trae.

Nebuloj, kvazaŭ per ŝaflanaro, kovradis herbejojn, grenoj ankoraŭ nigraj staris trankvile klinitaj, kovritaj de roso, dormemaj; grizverdeta nebulaĵo de tagiĝo kaŝetadis la dormantan teron; la unuaj matenruĝoj malsorbiĝadis en oriento kaj pluvetis per opalaj polvoj.

Ĉio dormis ankoraŭ.

Mi eksidis sur sabla, humida duno, mi ne povis iri, mi timis kirli tiun sanktan trankvilon de unuaj matenruĝoj, mi ne kuraĝis veki majeston de printempa dormo...

Grandega arbaro staris malantaŭ mi en ne sondebla silento, oni aŭdis nur monotonan gutadon de roso kaj ion, kvazaŭ spiron de tiuj grandegaj trunkoj, kunformantaj densaĵon, amasigitaj, kvazaŭ interhelpantaj en tiu dolĉa ripozado.

Kaj antaŭ mi — ne mezurebla ebenaĵo grizverda; naoso de ne percepteblaj ankoraŭ konturoj de arboj, vilaĝoj, kampoj kaj arbaroj - tra kiu ŝpiniĝis, kiel dorma vizio, apenaŭ senteblaj konturoj de rivero - kvazaŭ zono de vitrecaj nebuloj.

Sed la tagiĝo jam ekvenis.

La ĉielo komencis oriente apartiĝadi de la tero per mallarĝa strio de opaloj, transiĝadis en ruĝon kaj ardis ĉiam pli, disverŝiĝadis, fariĝadis fluida purpuro, kaj poste per grandegaj flamoj disverŝiĝis en horizonto.

Kaj sur la tero fariĝis pli hele, el profundaĵoj grizaj komencis konturiĝadi iaj preĝejoj, turoj, arboj, jen desegniĝis aleo per ia potenca konturo, jen vilaĝoj elŝoviĝadis per nigraj makuloj el profundaĵoj, jen torento subite ekbrilis el la grizaĵo aŭ ekflagris vitro de lagoj - la ombroj retiriĝadis kvazaŭ tegoj retirataj de la tero per ĉielruĝaj fingroj de mateno, ke ĉiam pli novaj vilaĝoj, domoj, arboj, kampoj elkliniĝadis el la malplenaĵo, fariĝadis, loĝatigadis la teron - kaj la horizonto ĉiam pli heliĝadis, kreskis, larĝiĝadis, purpuriĝadis kaj reen-iris, ĝis ĝi malaperis en briloj de l' tago, ĉar el sub la matenruĝoj elŝoviĝis la ardanta disko kaj post momento sanga, senokulhara okulo de l' suno ekŝvebis en aerspacoj.

Vekiĝadis la tero.

La arbaro ektremis, eksusuris kaj klinis la kronojn al la suno, kaj de la herbejoj kaj marĉoj komencis supreniĝadi nebuloj, kiel fumoj de incensiloj. La lagoj levadis palpebrojn de nebuloj kaj per ankoraŭ dormema, ĉielruĝa rigardo rigardis ĉielon; la grenoj eksusuris per spikoj, moviĝis dormeme, ĝis la roso kiel hajlo per rozkoloraj perloj ŝuti-

ĝis sur la teron. La torentoj ekplaŭdis kaj fluis pli rapide kaj pli ĝoje.

Super la marĉejoj vaneloj jam ŝanceliĝadis, briletante per blankaj subventraĵoj, rondflugadis kaj pepadis, cikonio ekklakis super la garbejo kaj per peza flugo naĝis por matena ĉaso, hirundoj ĉirpadis sub kabantegmentoj, sovaĝaj anasoj kriis sur kotejoj, kaj de iu ankoraŭ ne videbla vilaĝo naĝis super la rosoj henado de ĉevaloj.

La suno iris supren, la tago fariĝis plena, ĉar alaŭdoj de ĉiuj kampoj altenflugadis al la ĉielo kaj tremis en la aero ilia matena himno, kaj poste voĉo de preĝeja sonorilo kuris tra la rosoj, sonis, vekis, ĝojigis.

Mi iris hipnotigite de sorĉo de tiu printempa mateno. Mi jam forgesis pri Italujo, mi forgesis pri mi, mi forgesis pri ĉio - mi vivis per miraklo de tiu tero, mi havis printempon en la koro, kaj ĉiuj ĉi koloroj, tremoj, kantoj, odoroj, la tuta ĉi superpotenca vivo de la naturo pulsis en mi, estis mi kaj mi estis ĝi...

Kaj tiu printempa miraklo daŭris kaj potenciĝis ankoraŭ.

Ekbruis pirujoj sur interkampaĵoj kaj pluvo de floraj folietoj ŝutiĝadis sur herbojn kaj ŝanĉeliĝis sur tigoj kiel papilioj.

Kaj la suno leviĝis alten - ĝi estis jam supre je du homaltecoj, jam je kvin kaj ĝi heligis, orumis la tutan mondon.

Ekbonodoris fruktarboj, similaj al floraj nuboj, ekbonodoris verdaj kampoj, ekbonodoris la tutaj herbejoj en grandiozeco de floroj, ekbonodoris tero hieraŭ plugita - kaj eksonoris kaj ekkantis subite la mondo per koloroj, vivo, ĝojo, ekstazo.

La printempo kantis sian himnon de triumfo per milionoj da voĉoj kaj iris tra la tero kolora, ĝoja, bonfara kaj sankta.

Ho sankta! kantis ĥaoso de interimplikitaj kampaj voĉoj.

Sankta! sonoris fontaj torentoj, kantis miozotoj, per bluaj okuloj rigardantaj en flagrantan profundaĵon.

Sankta! kantis sekaloj jam en spikoj kaj iris tra tutaj kampoj kvazaŭ al suno kaj kapsalutadis ritme, kvazaŭ en danka preĝo.

Sankta! kantis floroj de herbejoj, ĉerizaj arbaretoj, alaŭdaj voĉoj, susuroj de arbaregoj, odoroj de la tero, zumoj de abeloj.

Sankta! Sankta! Sankta! Spiregis mallaŭte matena venteto kaj, kvazaŭ mastro de tiuj nemezureblaj kampoj, trakuradis ilin laŭlonge kaj laŭlarĝe - kaj estingis rosojn, levadis malviglajn grentigojn, disblovis ĉevalharojn de grenoj, skuadis florojn, taŭzis per molaj amantaj movoj kutimajn pirujojn sur interkampaĵoj, vetkuradis kun torentoj, forblovadis de floroj papiliojn - aŭ ruliĝadis sur vojoj, sekigadis kotejojn, aŭ kuris sur kampoj al lacigitaj labore homoj, sekigadis iliajn fruntojn kaj fajfis en iliajn orelojn: Sankta! Sankta!

Kaj poste venis ebriiga tagmezo, potenca per ardo - kaj svenigis la vivon por momento.

Kaj poste la suno malleviĝadis malrapide grandega, graveda je morgaŭo kaj kuŝiĝadis tie, post la arbaregoj, post la malproksimaj teroj.

Kaj la tero furioziĝinta en potenco de estado, ŝvelanta de sukoj, pufiĝanta de krioj de ĝojo - komencis silenteti, dormemiĝi...

Kaj ĉio iris al ripozo, al trankvilo de vesperaj horoj, ĉar la suno kaŝiĝis kompletelumis nur lastaj vesperruĝoj kaj okuloj de lagoj briletis kelkloke, kaj de la vilaĝoj tremis lastaj parolbruoj, blekadoj de ŝafoj, kvakadoj de anseroj, perditaj sur paŝtejoj, aŭ kanto de paŝtistoj sur herbejoj flugis tra la rosoj.

Kaj poste krepusko, trankvilo kaj dormemo.

Nur siringoj komencis pli forte odori kaj najtingaloj en densaĵoj kantis sorĉan himnon de printempa nokto - himnon de amo.

*Trad. T. H*

# XXX-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO.

## LONDON, 30 JULIO — 6 AŬGUSTO 1938.

### Oficiala Informilo N-ro 5.

**Kotizoj.** — De nun la kongreskotizo estas £ 1-10-0. La edzo aŭ edzino de kongresano, kaj gejunuloj ne pli ol 20-jaraj pagas po 15 ŝil. Pagiloj estu pageblaj al Internacia Esperanto-Ligo.

**Loĝejoj kaj Ekskursoj** — Mendiloj estas jam senditaj al kongresanoj, kaj pliaj ekzempleroj estas haveblaj ĉe la kongresoficejo. La komitato ne povas garantii loĝadon aŭ partoprenon en ekskurso al kongresano, kiu ne plenumas la kondiĉojn.

**Programo.** La provizora programo jam aperis, kaj ni esperas sendi la kongreslibron al kongresanoj en junio. La jenaj novaj sciigoj, tamen, sendube interesos la legantojn:

D i m a n ĉ o. — Multaj restoracioj en Londono estas fermitaj dimanĉe. Ni tial aranĝis komunan tagmanĝon por mil kongresanoj en L y o n s' O x f o r d C o r n e r H o u s e, tuj kontraŭ la D o m i n i o n T h e a t r e, kie okazos la Solena Inaŭguro. La kosto estos 2ŝ 6p., kaj biletoj estos haveblaj en la kongre-

sejo tuj post via alveno en Londono. La ceteraj kongresanoj povos tagmanĝi en aliaj restoracioj sufiĉe proksime.

La Diservo okazos en The City Temple, granda preĝejo atingebla en dek minutoj de la restoracio supre-menciita. La Diservon kondukos Pastro W. H. Downes, bone konata kaj sperta angla samideano.

La Teatraĵo okazos lunde kaj marde en la Scala Theatre, Charlotte Street, W. 1, tute proksime al la kongresejo. Ĝi estos komedio: Eliza Restas, kiun prezentos la Neilson-Terry Guild of Dramatic Art, kies membroj nun kun aparta sukceso lernas Esperanton en Cseh-metoda kurso de f-ino Saxl. Duono de la kongresanoj ĉeestos la teatraĵon lunde, kaj duono marde. Je tiuj du tagoj, la kongresanoj kiuj ne estos en la teatro, povos ĉesti filmprezentadon en la kongresejo.

Balo. — La kongresa balo okazos ĵaŭdon en Alexandra Palace, kelkajn kilometrojn norde de la centro. Specialaj vagonaroj portos la kongresanojn al kaj de la balsalono. Bonvolu laŭeble kunporti nacian kostumon!

Vendredon vespere okazos nova aranĝo, kiu ni opinias, plaĉos al la kongresanoj. En la Central Hall, Westminster, — unu el la plej grandaj koncertejoj en Londono — aro da tre lertaj infanoj el la Nacia Hejmaro kaj Orfejo por Infanoj prezentos al la kongresanoj allogan programon de kantoj, dancoj, kant-teatraĵetoj, korp-ekzercoj k. t. p.

**Fakaj Kunsidoj** estas aranĝitaj por Skoltoj, Bahaanoj, T. A. G. E., Katolikoj, Kvakeroj, la Unuigita Komitato por Impostoj laŭ la Valoro de la Tero, I. S. A. E., Komerco, K. E. L. I., Turismo, Aviado.

La kunsido aranĝata de la Kvakeroj estos granda kunveno sub la titolo „La Nuna Mondstato: Kiel Povas Esperanto Hodiaŭ Plej Bone Helpi al Mondfrateco kaj Internacia Paco". Inter la parolantoj estos D-ro Edmond Privat.

**Karavanoj.** — Krom la jam anoncitaj, oni aranĝas la jenajn karavanojn:

Italujo: Itala Esperanto-Federacio, Galleria Vitt. Emanuele 92, Milano.

Nederlando: J. Telling, Schietbaanlaan 106a, Rotterdam.

**Membraro.** — Ĝis hodiaŭ (8-4-1938) aliĝis al la kongreso 1235 el 26 landoj.

**Blindula Kaso.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por ebligi al blinduloj partoprenadon en la kongreso. Jam ricevita: £32-6-2.

F-ino E. Ashby, 118, Selly Park Road, Selly Park, Birmingham, Anglujo, organizas budon en la kongresejo, kie ŝi vendos diversaĵn objektojn por helpi al la Blindula Kaso. Tiuj, kiuj havas, aŭ povos pretigi taŭgajn aĵojn por tiu celo, estas petataj skribi al f-ino Ashby.

**Donacoj al la Kongresa Kaso.** — La Organiza Komitato volonte ricevos donacojn por helpi al la plena sukceso de la kongreso. Donacoj jam ricevitaj: £ 21—12—6.

**Presaĵoj.** — En la kongresejo kaj kongresaj kunvenoj oni rajtos disdoni cirkulerojn kaj ĉiajn aliajn presaĵojn nur post antaŭa aprobo de la kongresa komitato.

**Dokumentaro.** — La sama postulo rilatas al presaĵoj disdonataj kun la oficialaj kongresdokumentoj; tio estas, ili devos ricevi la antaŭan aprobon de la komitato kaj devos alveni ĉe adreso indikota, plej malfrue du semajnojn antaŭ la kongreso.

**Adreso por leteroj.** — Sekretario, 30a Universala Kongreso de Esperanto, Heronsgate, Ricksmansworth (Herts.), Anglujo.

**Por la Organiza Komitato**
**Cecil C. GOLDSMITH.**
**Sekretario.**

# KOMUNIKO DE P. E. D.

## VIII. POLLANDA KONGRESO DE ESPERANTO
## KAJ
## ĜENERALA KUNVENO DE P. E. D.
### OKAZOS LA 18—19 VI. 1938 EN KRAKÓW.

**Adreso:** P. E. D., Kraków, ul. Lubicz 34.

**Kotizo:** zł 3·—, por familianoj, studentoj kaj junularo zł 1·50, por senlaboruloj kaj blinduloj senpage. Konto PKO. Nr 411.404 (Delegacja Esperantystów w Polsce).

**Fervojrabato** okaze de „Krakovaj Tagoj": 50%. La vojaĝoficejoj (kiel Orbis, Cook ktp.) eldonas senpage t. n. „Karton de la partoprenado en la Krakovaj Tagoj"; tiun-ĉi karton oni devas nepre stampigi ĉe la elirstacio, aĉetante samtempe normalan fervojbileton al Kraków. Ĉi-tie oni alpagas zł 2·50 aŭ zł 4·— (dependas de la distanco) kaj reveturas senpage.

**Loĝejoj:** komunaj po 80 gr kaj 1·60 zł, privataj po 2·50 — 3·— zł, en hotelo po 3·30 zł. Loĝejojn oni devas mendi rekte ĉe **Polski Związek Turystyczny, Kraków, Lubicz 4,** antaŭpagante samtempe minimume 50% de la loĝejprezo.

La Komitato petas sciigi ĝin pri dato kaj horo de la alveno.

**Ekzamenoj** okazos la 18. VI. 1938.

**Programo:** Vendredo 17. VI. Akceptado de alveturintoj en la stacidomo.
21 h Interkonatiĝa vespero.
Sabato 18. VI. 9 h Inaŭguro de la Kongreso kaj Konferenco de PED.
13 h Komuna tagmanĝo.
15 h Laborkunsido. Ekzamenoj.
19 h Festo de la Florkronoj (Wianki).
Dimanĉo 19. VI. 9 h Diservo. Ekskursoj al Wieliczka aŭ Sowiniec. Distraĵoj de „Krakovaj Tagoj".

**Rimarkoj:** En la tagoj 17 — 19. VI 1938. gastigos nia urbo la Nacian Teatron, kiu prezentos la komediojn „Skiz" de Zapolska kaj „Pan Jowialski" de Fredro. Ni vidos sur la krakova scenejo jenajn famegajn geartistojn: Solski, Węgrzyn, Zelwerowicz, Ćwiklińska, Lindorfówna, Czaplińska, Świerczewska, Wesołowski, Różycki k. a. Krom tio la programo de „Krakovaj Tagoj" prezentas multajn amuzajn distraĵojn! Venu do multnombre al Kraków, la Komitato kore invitas Vin.

Prezo de ekskurso al Wieliczka zł 2·30, al Sowiniec zł 1·—. **Organiza Komitato.**

## ĜENERALA KUNVENO DE P. E. D.

En ĝi rajtas partopreni la aliĝintaj grupoj per siaj rajtigitaj reprezentantoj. Ĉiu reprezentanto devas posedi skriban rajtigon, en kiu estu citita nombro de la membroj. Ni atentigas, ke laŭ art. 10 § 2 membroj, kiuj ne pagis la kotizon, ne rajtas voĉdoni.

**Tagordo:** 1) Raportoj. 2) Raporto de la Rev. Komisiono. 3) Elekto de la Revizia Komisiono. 4) Fikso de la sekvanta G. K. 5) Demandoj kaj proponoj.

Art. 26. § 1. La Ĝ. K. estas decidopova, se la ĉeestantoj rajtigitaj al voĉdono reprezentas minimune ¼ da ĉiuj vocoj, per kiuj disponas ĉiuj membroj de P. E. D. kune.

§ 2. Se la Ĝ. K. ne okazus pro manko de la nombro necesa laŭ § 1, devas la Estraro en du sekvantaj semajnoj kunvoki denove la Ĝ. K., dum kiu la decidoj estas alprenotaj sendepende de la nombro de reprezentitaj voĉoj. Tiun ĉi novan Ĝ. K. ne koncernas normoj de art. 21 §§ 1 kaj 1 art. 25 § 3 alineo 1.

**Estraro de P. E. D.**

## ALVOKO.

**al partoprenantoj de la Ĝenerala Kunveno de PED.**

Pollanda reprezentanto de XXX-a Universala Kongreso de Esperanto en London informas interesatojn, ke tuj post fino de ĝenerala kunveno de PED li akceptados aliĝojn al la Kongreso kaj IEL, kaj la kotizojn, la aliĝantojn priservos kaj informados. Diversurbaj delegitoj antaŭ sia forveturo bonvolu diskonigi tion kaj eventuale kunporti aliĝilojn kaj kotizojn al mi rekte. La aliĝiloj estas haveblaj kontraŭ reafranko ĉe mi.

**inĝ. M. Chmieliński**
(Toruń, ul. Krasińskiego 4)

* * *

## „KVINMIL — FONDO".

Pluaj pagoj por la „Kvinmil — Fondo":

| | | |
|---|---|---|
| Ludwik Stalewski, Biała Podlaska (dum la Esp. Ekspozicio) | . . | 9·— zł |
| Bianka Haas, Bielsko | . . . . | 4·— „ |
| Róża Szwarcbaum, Sosnowiec | . | 1·— „ |
| R. Palesznicka, Sosnowiec | . . | 1·— „ |

---



# OFICIALAJ SCIIGOJ DE LA AKADEMIO.

## DIFINOJ DE VORTELEMENTOJ

**(Publika propono)**

**1-a Listo.**

(Daŭrigo)

11. abon' (v tr) = mendi per antaŭpago por difinita tempo gazeton, fervojbiletojn k. s.
12. abort' (v tr) = naski antaŭtempe nevivipovan idon.
13. abrikot' (s) = frukto de arbo el la familio de rozacoj (Prunus Armeniaca).
14. abrupt' (a) = 1. tre kruta kvazaŭ fortranĉita;
2. malagrable, neatendite subita.

| | | |
|---|---|---|
| 15. absces' (s) | = | amaso de puso en histoj. |
| 16. absint' (s) | = | 1. forta, verda likvoro, preparita el la samnoma vegetaĵo; 2. aroma vegetaĵo el la familio de kompozitoj (Artemisia Absinthium). |
| 17. absolut' (a) | = | 1. tute sendependa de ĉia povo aŭ kontrolo; 2. kies aŭtoritato estas despota, aŭtokrata; 3. senkondiĉa, nerelativa; 4. senmiksa, ĥemie pura; 5. gramatike nedependa de la entenanta frazo. |
| 18. absorb' (v tr) | = | 1. tute okupi la spiriton aŭ la atenton de iu; 2. tute enpreni en si kaj ne redoni. |
| 19. abstin' (v ntr) | = | sin deteni, pro principo, de la uzado de alkoholo, tabako k.t.p. |
| 20. abstrakt' (a) | = | 1. estanta neperceptebla de la sentoj, malkonkreta; 2. konsiderata aparte de la tuto, al kiu ĝi apartenas. |
| 21. absurd' (a) | = | kontraŭa al la komuna logiko, prudento aŭ scio. |
| 22. abund' (a) | = | estanta en granda kvanto aŭ nombro, pli ol sufiĉa. |
| 23. acer' (s) | = | arbo el la familio de aceracoj (Acer). |
| 24. aĉet' (v tr) | = | akiri la posedrajton de io per pago de mono. |
| 25. acid' (a) | = | havanta akran guston kiel vinagro aŭ citrono. |
| 26. -aĉ' (n) | = | sufikso, esprimanta malbonecon, malbonan kvaliton, malŝaton. |
| 27. -ad' (v) | = | 1. sufikso, esprimanta agon aŭ staton, kiam ĝi sekvas neverban radikon; 2. sufikso, esprimanta daŭran aŭ ripetatan agon aŭ staton, kiam ĝi sekvas verban radikon. |
| 28. adapt' (v tr) | = | konformigi por specialaj celoj aŭ kondiĉoj. |
| 29. adept' (s) | = | 1. ano de doktrino aŭ sekto; 2. persono, konanta arton aŭ sciencon kaj sin okupanta per ĝi. |
| 30. adiaŭ (n) | = | saluta vorto, uzata ĉe la foriro aŭ disiĝo. |
| 31. adici' (v tr) | = | per aritmetika operacio difini la sumon de kelke da nombroj aŭ kvantoj. |
| 32. adjektiv' (s) | = | vorto, aldonata al substantivo por esprimi kvaliton. |
| 33. adjutant' (s) | = | oficiro, konstante akompananta sian ĉefon kaj komunikanta liajn ordonojn al la subuloj. |
| 34. administr' (v tr) | = | prizorgi la funkciadon, precipe financan, de organizaĵo aŭ entrepreno. |
| 35. administraci' (s) | = | 1. administrantaro; 2. administrejo; 3. administrado. |
| 36. admir' (v tr) | = | rigardi kun sento de honoro, estimo, ŝato, respekto. |
| 37. admiral' (s) | = | ĉefo de milita ŝiparo. |
| 38. admiralitat' (s) | = | 1. estraro de ŝiparo; 2. oficejo de la estraro de ŝiparo. |
| 39. admon' (v tr) | = | instigi per vortoj al la plenumo de devo. |
| 40. adopt' (v tr) | = | 1. alpreni per oficiala, laŭleĝa akto iun kiel sian propran infanon; 2. alproprigi al si iun spiritan posedaĵon, opinion, manieron. |

(daŭrigota)

# BIBLIOGRAFIO.

Praktika novaĵo por filatelistoj, kiuj volas interŝanĝi tutmonde, estas la **ŜLOSILO DE L' INTERNACIA FILATELISTA KORESPONDADO** eldonita (kaj mendebla) **de A. Prazák** (Jablonne n. Orl.), enhavanta 77 korespondajn frazojn en la lingvoj: Esperanto, ĉeha, germana, franca kaj angla. Praktika poŝformato. Prezo: 6 Kč aŭ 3 int. p. respondkuponoj. Bonaj neuzitaj poŝtmarkoj estas ankaŭ akceptataj.

Dua praktika novaĵo por la interŝanĝemuloj estas la kvaronjare aperanta **TUTMONDA INTERŜANĜA ADRESARO,** redaktita de **Fr. Buhr** (Praha-Brevnov 514). Ĝi donas ĉiam precizajn, novajn adresojn de la interŝanĝontoj. Unu represo de la adreso kostas 2 respondkuponojn, 3 represoj — 4 respondkup., 4 represoj — 5 respondkup. Poŝformata eldono.

Laŭ iniciato de S-o Fr. ULBERT, vic-urbestro kaj S-o KOWARSCHICK, supera aktisto en la Esperanta-traduko eldonis la Kuracadministrejo Karlsbad novan belegan gvidilon pri la mondkuracloko Karlsbad. La

gvidilo enhavas orientiĝan planon de la urbo, nomaron de la hoteloj, privataj loĝdomoj (kuracdomoj), sanigejoj kaj dietejoj, prezaron de la kuraciloj en la urbaj bandomoj kaj informoj por la kuracgasto en Karlsbad. La gvidilon kun supre menciitaj aldonoj oni povas senpage ricevi de la Kuracadministrejo Karlsbad (Kurverwaltung Karlsbad), kiu krom tio donas senpage ĉiujn pluajn informpetojn.

La FOIRO DE PARIS, kiu okazos de la 21 de majo — 6 de junio k. j., eldonis novan, ilustritan faldprospekton en E-lingvo kaj afiŝojn kun la frazo „Esperanto uzata". La Foiro de Paris estas ne nur la plej grava en Francujo sed ankaŭ unu el la plej grandaj internaciaj merkatoj. La partoprenontoj ĝuos gravajn rabatojn sur francaj kaj alilandaj fervojoj, sur flug- kaj marlinioj.

*L. K.*

* * *



# SKOLTA ANGULO.

**(Red.: Józef Toczyski, Lwów)**

**Skolta Bulteno.** Marta numero (27) enhavas tre ĝojigan sciigon. Komence de la venonta numero, Skolta Bulteno aperos ĉiun duan monaton, tio estas ĉirkaŭ la 15-a de januaro, marto, julio, septembro kaj novembro kaj la abonpago restos la sama. Enhavo: artikolo de Baden-Powell, Skolta Cefulo, sub titolo „Kion mi kredas" tradukita de skoltfrato F. Douglas Murphy laŭ lia afabla permeso. Tendara bulteno, kasistaj kaj sekretariaj notoj, kroniko, oficialaj avizoj, skoltina fako, fabeleto pri nigra sambo, (traduko) kaj aliaj notoj.

Nova redakcia adreso estas: 65, Tuddenham Road- Ipswich, Suffolk - Anglujo.

**Papajŭ mem.** Sub jena titolo eldonas Sro Jos Moll en Leiden (Nederlando) hektografitan monatan esperantan skolt-revuon. Aperis jam du numeroj (februara kaj marta) kun tre interesa enhavo. Revuo estas destinita speciale por roverskoltoj — kaj intencas doni al internacia skoltaro gazeton, en

kiu roveroj de la tuta mondo povos priparoli siajn organizajn demandojn, kaj konatiĝi kun laboroj de aliaj rover-bandoj en aliaj landoj.

Tutjara abono kostas 5 int. restp. kuponojn.

Abonu rekte en la redakcio (Sro Jos Moll Leiden Wasstraat 2 - Ned.) — aŭ ĉe pola nacia SEL-agento (J. Toczyski - Lwów, Rutowskiego 21).

**„Internacia Rovera Bando“.** Ĉi rover-organizaĵo fondiĝis antaŭ kelkaj monatoj. Rotoj konsistas el diversnaciaj membr(in)oj, po unu el nacio. Por kontaktsistemo estas elektata ĉirkaŭira korespondado kaj rendevuoj dum internaciaj tendaroj. Cirkaŭira korespondado funkcias jene: „A“ skribas leteron al ĉiuj direktatan kaj sendas ĝin al „B“; „B“ legas, aldonas novajn foliojn kaj sendas ilin al „C“ k. t. p. La lasta sendas al „A“. Ĉi tiu elprenas siajn malnovajn foliojn kaj aldonas novajn k. t. p. Ĉiuj informoj haveblaj ĉe Sro Yvon Tarabout - villa „Gemmsy“, Songères-sur-Sinotte - par Auxerre (Yonne) Francujo.

**El vivo de polaj skoltoj.**

Ĉe fino de februaro — kaj dum komenco de marto reprezentanto de Pola Ĉefa Skoltestraro, frato Stefan Załuski, estis en Finlando kiel gasto de tiea skolta asocio. Li priparolis reciprokan tendaran interŝanĝadon de junularo en ambaŭ nacioj.

Pola Skolta Internacia Komisaro sendis al Aŭstralio belan modelon de pola mara velŝipo „Zawisza Czarny“ — kiel donacon por aŭstraliaj skoltoj pro helpo kaj zorgo elmontritaj al pola skolto Ladislao Wagner, migranto ĉirkaŭ la mondo sur kutro „Zjawa III“.

Sinjoro Janusz Kuliński skolta instruktoro eldonis broŝuron sub la titolo, „Kien ni venis? Skoltaro eraras ..“ en kiu li penas pruvi, ke skoltismo estas „unu el plej danĝeraj instrumentoj (iloj) de internacia framasonaro“. Kompreneble, ke ĉi vortoj skribitaj de skolto, faris sufiĉe grandan bruon inter geskoltoj en Polujo. En kelkaj gazetoj aperis artikoloj kontraŭbatalantaj ĉi opinion.

**Skoltoj en Polujo lernas Esperanton.**

Redaktoro de Esperanta Angulo en „Skaut“ ricevas leterojn kun informoj pri kursoj por skoltoj. Lastatempe oni informis lin pri kursoj en Warszawa, Poznań, Rydułtowy (Supera Silezio), Częstochowa kaj Wielkie Hajduki. Nia afero do marŝas antaŭen. „Skaut“ vendis en marto 15 ekzemplerojn de esperantaj lerniloj por skoltoj.

---

# GRAVA AVIZO!

**Reprezentanto de la dumonata, 24-paĝa, ilustrita „SCIENCA GAZETO“ estas por Polujo la administracio de Pola Esperantisto. Abonprezo jara (por Polujo malaltigita) 4 zł, pagata je konto de „Pola Esperantisto“, konto P. K. O. Nr. 406.606. Abonante nun, vi ricevas ĉiujn numerojn depost januaro k. j. Ĉiu klera homo, por kiu ne estas indiferentaj la plej novaj sciencaj temoj — devas nepre aboni la revuon!**

**Ĉe pagoj rimarkigu ĉiam la celon!**

**Enhavo de la nro 38 (marto-aprilo 1938):**

Kun — Movada Movo de Alice W. Weigall

Etnografia Fako:

La Siuaj Indianoj de K. Froding

Antaŭ ol la Blanka Homo alvenis de Dro B. S'hiuhushu (Ruĝa Vulpo). *)

Lingvistika Fako:

Mallonga Gramatiko de la Cigana Lingvo de W. Pannell.

Ni Estu Singardemaj de K. Froding.

Diversaĵoj:

Greka Akropolo ĉe Marseilles. Suko de oranĝoj kontraŭagas la senton de laceco. Ne banu vin tuj post gimnastiko en sunbrilo. Dentista anestiizilo povas esti danĝera. La marnivelo altiĝas. La plej granda transformatoro. Senĉesa elektra kurento. Longventro. Rozkoloraj insektmortigiloj. Okulvitroj permesantaj larĝan vidon.

El nia notlibro.

Kontribuintoj al Scienco de Esther L. Froding.

*) Dro Barnaba S'hiuhushu estas prezidanto de „Indiana Asocio de Ameriko“.

# RADIO.

## PROGRAMO DUM MAJO

**La horoj estas indikitaj laŭ mezeŭropa tempo.**

### ĈIUSEMAJNAJ DISSENDOJ

**Dimanĉe:**

9.10—9.25 Kortrijk (204 m): Esperanta-kroniko de G. Debrouwere.

19.00—19.30 Reykiavik (1442 m): Esperanto-kurso.

**Lunde:**

18.20—18.30 Radio Suisse Romande (443 m): Esper.-kurso de P. Bouvier.

18.45—19.00 Montpellier-Languedoc (224 m): E. Kroniko de A. Capoulade.

20.00--21.00 J. V. 2 RL. Caracas (51.72 m): Parolado.

21.30—22.00 PRE 2 Vera Cruz (1430 m): Kurso, kantoj, informoj — (ĉu ankoraŭ okazas?).

22.00—22.15 Roma II (245 m): 2 RO (31.13 m): Esp. konvers.

22.45—23.30 Paris PTT (431 m): E. teatraĵo.

**Marde:**

18.00—18.15 Mor. Ostrava (269 m): Parolado (Preciza programo nericevita).

21.20—21.35 Kaunas (1935 m) Klaipeda (Memel) (531 m) Lyiae (35 m): „Nia anguleto".

22.00--22.10 Turi (410 m), Tartu (579 m), Tallinn (229 m): E. kroniko.

22.25—22.40 PRF 3 Sao Paulo (960 m): Informoj k. kurso.

23.30-23.45 PRF 5 (31.58 m), PRF 2 (780 m) Rio de Janeiro. Oficialaj informoj kaj kantoj dum la „Horo de Brazilo".

**Merkrede:**

14.00—14.20 Paris PTT (431 m): Elementa kurso de C. Rousseau.

20.00--21.00 X. E. C. R. Meksiko (50.17 m): Informoj.

21.00—21.20 LT 1 Radio del Litoral. Rosario (384 m): E. kroniko.

**Vendrede:**

20.00—21.00 X. E. C. R. (50.17 m): Meksiko E. kroniko.

21.30—22.00 PRE 2 KatolikaVera Cruz. (1430 m): Kurso kaj informoj (?).

**Sabate:**

10.30— ? ? 7 HO Hobart E. kroniko.

13.45—14.00 Lille (247 m): E. kroniko kaj kurso de R. Cornelle kaj f-ino André.

16.15—16.30 Loksbergen-Limburg (202 m): E. Kvaronhoro.

19.01—19.18 Roma I (420 m), 2 RO (provizore 25.4 m): Turisma kroniko.

22.25—22.40 PRF 3 Sao-Paulo (960 m): Informoj, kantoj kaj kurso.

00.30— ? ? Barcelona (377 m) kaj (42 m): pri la okazaĵoj en Hispanujo.

## ALIAJ DISSENDOJ.

16. 22.45—23.30 Paris PTT (431 m): „Edziĝo kontraŭvola", unuakta komedio de Molière, trad. de V. Defeutrel, prezentado de P. Petit.

18. 20.13--20.20 Lyon PTT (463 m): E. kroniko.

19. 21.30—21.35 Turi (410 m), Tallinn 229 m), Tartu (579 m) E. duonhoro -- (?).

22. 22.40—23.10 Kro (1875 m k. 415 m): „La sekiĝo de la Suda Maro" de s-ro Muller.

23. 22.45—23.30 Paris PTT (431 m): „la letero de rekomendo", unuakta komedio de Max Maurey. Traduko de sro Warnier.

28. ĉirk. 16.00 Hilversum Vara (301 m): E. kroniko: la kongreso de la Internacio de laboristaj Sportasocioj.
17.10—17.25 Hilversum Kro (1875 m), Jaarsveld (415 m): E. komunikoj.

29. 15.00—15.20 Wallonnia (201 m): E. kroniko de A. Tassin.

30. 23.00—23.45 Radio Paris (1648 m): „Kuzeto" komedio de Balucki, trad. de Grenkamp.

Mankas informoj aŭ detaloj pri Wien, Ljubljana, Brno, Vara, Normandie, Varna, Phobi, Shepparton, LV2, norvegaj, sovetaj, svedaj, polaj, valenciaj stacioj; ĉu la E. kronikoj de Kaunas okazos dum somero? ĉu la kurso de Genève finiĝos fine de majo? ĉu anglaj stacioj dissendos ion pri la 30a Kong.? Sendu de nun informojn.

En Boston la izraelida rabeno s-o Levi prelegis pri Dro Z. per radio. Detaloj mankas.

* * *

„Mi deziras ke Italujo estu vizitata de kiel eble plej granda nombro da fremdaj turistoj. Ili trovos bolegan landon, ordeman kaj sincere gastaman popolon".

**Mussolini**

**Rezulto de la IV Konkurso inter la radioaŭskultantoj de Italaj Kronikoj.**

Ni diskoniĝas la rezulton de la lotado okazinta ĵaŭdon la 31. 3. 1938 vespere kaj tuj disradiita pere de la stacioj: Roma I kaj 2 RO.

La premioj estas asignitaj jene:

2 al la konkursanoj en Esperanto, nome:

a) nr 1570 — František Burilova -- Husovska 21 — Brno (Č. S. R.).

b) nr 1741 — Se er Hansen — Karl Jensensvej 6 — Aarhus (Danujo).

2 al la konkursanoj en Germana lingvo.

2 al la konkursanoj en Nederlanda lingvo.

1 al la konkursanoj en Angla lingvo.

1 al la konkursanoj en Franca lingvo.

La itala radio stacio 2 RO disaŭdigas niajn „Kronikojn" laŭ mallonga ondo je 25,4 m.

La itala radio-stacio Romo I disaŭdigas niajn „Kronikojn" laŭ mezlonga ondo je 420,8 m.

Bonvolu aŭskulti kaj aŭskultigi, ĉiusabate, la radio-dissendojn en Esperanto, disradiatajn de la supre menciitaj stacioj, kaj gratulu la staciojn, kaj kuraĝigu la Esperanto-Fakon, per seriozaj kritikoj, sugestoj, alsendo de interesaj novaĵoj rilatantaj la Esperanto-movadon.

**Italaj turismaj kronikoj en Esperanto.**

Radio-stacio Roma I (420 m) kaj 2 RO (25,4 m) disaŭdigas regule ĉiusabate je 19 h. paroladojn pri la turismaj belaĵoj en Italujo. Oni povas peti la tekstojn de la prelegoj ĉe Direz. Gen. per il Turismo, Via Vittorio Veneto 62 ROMA.

* * *

CEĤOSKOVAKUJO. — La Verda Stacio finos sian sezonon per la junia E. horeto, sed estas eble, ke la ĉeĥos.-stacioj disaŭdigos iun E.-programon en julio okaze de la Sokol-Olimpiado.

La radiostacio en MALANG-Java elsendas regulan E. kurson. Precizaj detaloj mankas.

LITOVUJO. — La ĉiumarda disaŭdigo de „Nia Anguleto" trovas aprobon inter la aŭdantoj kaj la Direkcio de la Litova Radio estas kontenta je seriozaj alvokoj de eksterlando. De tempo al tempo okazas specialaj E. elsendoj aŭ relajsoj de Brno. Aliparte amatora s-ano en Plunge relajsas la E. programojn de Kaunas kaj Klaipeda per mallongonda radioelsendilo LY 1 AE, ondo 35 m.

PARIS PTT KAJ RADIO-PARIS. — Dum februaro 200 leteroj pri la E. teatraĵoj alvenis al „Courrier des Auditeurs, 107 rue de Grenelle, Paris", (108 el Fran., 31 el Britujo, 10 el Nederlando, Litovujo, Norvegujo, 8 el Svedujo... ktp...)

Dankante la stacion — (Nepre skribu!) esprimu ankaŭ la deziron, ke la elsendoj okazu regule ŝiusemajne je pli frua horo kaj petu dissendojn pri la francaj arto, literaturo, turismo, kultura vivo... ktp.

Dum majo 5 dissendoj estas disaŭdigotaj ĉiulunde, 4 per Paris PTT kaj la lasta per Radio-Paris, ĉiuj laŭ enondigo kaj reĝisoro de Marc Darnault.

Kelkfoje Bordeaux Lafayette relajsas Parizon.

ESTONIO. — Pri la Estonaj Kantfestoj okazis la parolado de 17 III kaj konsekvence la parolado pri la estona literaturo dum 1937 estos nur disaŭdigata la 21 4. Cu E. duonhoro okazos la 19-an de majo?

Laŭ IRS, Meksiko kaj Caracas enmetis Esperanton en siajn programojn. Detaloj mankas. Do post argentinaj kaj brazilaj, aliaj amerikaj stacioj venas al E. Cu Usono sekvos la ekzemplon?

## Laŭlanda Radio-Statistiko 1937.

| Lando | Parolado en Esperanto | Esp. kursoj | Dissendoj ghis fino de 1936 | 1937 |
|---|---|---|---|---|
| Algerio | — | — | 32 | 32 |
| Aŭstralio | — | — | 115 | 115 |
| Aŭstrujo | 63 | 126 | 2234 | 2423 |
| Argentino | 6 | — | — | 6 |
| Belgujo | 53 | — | 326 | 379 |
| Brazilo | 12 | — | 130 | 142 |
| Britujo | — | — | 65 | 65 |
| Ĉeĥoslovakujo | 58 | — | 468 | 526 |
| Bulgarujo | 16 | — | — | 16 |
| Danujo | 1 | — | 362 | 363 |
| Dancigo | — | — | 308 | 308 |
| Egiptujo | — | — | 2 | 2 |
| Estonujo | 80 | — | 803 | 883 |
| Francujo | 66 | 79 | 3406 | 3551 |
| Finnlando | — | — | 20 | 20 |
| Germanujo | — | — | 5850 | 5850 |
| Hispanujo | 8 | — | 642 | 650 |
| Hungarujo | — | — | 30 | 30 |
| Hinujo | — | — | 36 | 36 |
| Irlando | 1 | — | 4 | 5 |
| Islando | — | — | 42 | 42 |
| Italujo | 38 | — | 263 | 301 |
| Japanujo | — | — | 394 | 394 |
| Javo | — | — | 6 | 6 |
| Jugoslavujo | 4 | — | 440 | 444 |
| Kanado | Informoj | mankas | — | — |
| Koreo | — | — | 15 | 15 |
| Latvujo | — | — | 7 | 7 |
| Litovujo | 60 | — | 393 | 453 |
| Meksiko | 7 | — | 61 | 68 |
| Nederlando | 53 | — | 554 | 607 |
| Norvegujo | 87 | — | 267 | 354 |
| Novzelando | — | — | 104 | 104 |
| Polujo | 4 | — | 219 | 223 |
| Portugalujo | — | — | 222 | 222 |
| Sovet-Unio | 50 | — | 2795 | 2845 |
| San Salvador | 2 | — | — | 2 |
| Svedujo | 120 | — | 1886 | 2006 |
| Suez | — | — | 1 | 1 |
| Svislando | — | 20 | 1053 | 1073 |
| Turkujo | — | — | 1 | 1 |
| Urugvajo | — | — | 83 | 83 |
| Usono | — | — | 415 | 415 |
| Sumo | 791 | 225 | 24053 | 25071 |

Entute okazis dum 1937 1016 dissendoj el 91 Sendstacioj en 22 landoj.

ISLANDO. — Reykjavik, 1442 m, dissendas ĉiudimanĉe je 19.00—19.30 E. kurson. Konfirmo aŭ pli precizaj informoj ne alvenis.

ITALUJO. — Dum aprilo, provizore, pro teknikaj kaŭzoj, la stacio 2 RO elsendas la

sabatan turisman paroladon per 25,4 m ondlongeco.

La 31. 3 okazis la lotado de la 4a radiokonkurso. Detaloj en alia loko.

BRAZILO. — Ĉiam regule elsendas esperantlingvaĵojn PRF 5 kaj PRF 2 en Rio de Janeiro, PRF 3 en Sao Paulo. (ĉu la E. kronikoj de PRE 2, katolika radio Vera Cruz, ankoraŭ okazas ĉiulunde kaj ĉiuvendrede?). — La horo de E. de PRA 4 San Salvador estas disaŭdigata la unuan dimanĉon de ĉiu monato kaj ne la lastan. Krom tio, aliaj brazilaj stacioj elsendas, sed ne regule, informojn pri la E. movado. Inter aliaj PRE 8 en Rio de Jan., PRD 8 kaj PRE 6 en Niteroi, PRH 2 en Porto Alegre. Detaloj mankas.

VARNA 235 m. dissendis la 14 an de aprilo tuthoran E. vesperon kun tre interesa programo. Bedaŭrinde la informoj alvenis tre malfrue. Maja programo ne eniris.

**AL LA LEGANTOJ.**

Jam plurfoje mi alvokis niajn sos-anojn al kunlaboro. Inter aliaj ni bezonas samidean(in)o(j)n por gvidi laboron de nia bulteno; nia redaktanto pro diversaj kaŭzoj ne povas ĉi-jare plenumi tiun taskon kiel antaŭe; sed ĝis nun neniu sin anoncis. Ni tamen esperas trovi solvon, sed eble ni devos dum kelkaj monatoj ĉesigi la regulan publikigadon de nia bulteno. Ni antaŭavertas niajn legantojn. De pluraj jaroj ni laboris senpage, ofte ĝis mezo de nokto, por nia bulteno, nia klubo; ni faris tion plezure kaj estas kun certa akreco, ke ni konsideras la eblan interrompon de la eliro de nia modesta ligilo, ĉu vere neniu volas helpi nin? aŭ ĉu oni opinias, ke nia agado estas tute senvalora, neutila kaj ne subtenebla?

Speciala servo de
**Radio Club Esperantiste de France,**
**26 av. Dode de la Brunerie, Paris, 16.**

# KATOLIKA ESPERANTO MOVADO.

**LA XXXIV-a EŬKARISTIA MONDKONGRESO**
kaj
**LA I-a EŬKARISTIA ESPERANTO-MONDKUNVENO**

okazos la 23 — 30 de majo k. j. en Budapest.

**III-a TUTŜTATA KONGRESO DE LA LIGO DE KATOLIKAJ ESPERANTISTOJ EN ĈEĤOSLOVAKUJO**

okazos en Brno dum Pentekosto 1938.
Leteradreso: A. Berka, prezidanto de L. K. K., Brno, Nové sady 49.

## ALVOKO.

La Budapesta Eŭkaristia Mondkongreso promesas unike belan kaj imponan solenon. La ĉefurbo de Hungarlando, pri kiu ĉiu, kiu iam vizitis ĝin, diras kaj disvastigas laŭdojn, entuziasmajn epitetojn, vestos sin en sian plej ravan pompon. La festo de la katolika mondo certe estos ege interesa ankaŭ al la nekatolikoj.

La Hungara Esperanto-Federacio kore invitas ĉiun Esperantiston al tiuj tagoj kaj volas prizorgi ĉiujn siajn gastojn egale kaj inde al la famo pri la hungara gastamo.

La Eŭkaristia Mondkongreso okazos 25 ĝis 29 de majo 1938. Samtempe okazos la unua Eŭkaristia Esperanto-Mondkunveno. La tuta hungara esperantistaro deziras memorindigi tiujn tagojn al la partoprenantoj kaj ĝuste tial ni decidis fiksi programon ankaŭ por tiuj, kiuj eventuale ne deziras partopreni en eklezaij solenaĵoj.

Nia provizora programo estas la jena:

25-an de majo 1938, 18-a h Partopreno ĉe la solena malfermo de la 34-a Eŭk. Mondkongreso, ĉe la placo de Herooj. Poste interkonatiĝa vespero.

26-an de majo antaŭtagmeze: urbrigardo kun esperantistaj gvidantoj, piede aŭ per aŭtomobilo. Posttagmeze libera programo. Vespere: rigardo de la ŝipprocesio sur la Danubo. Poste: aŭskultado de ciganmuziko en unu kafejo.

27-an de majo. Antaŭtagmeze: Daŭrigo de la urbrigardo. Posttagmeze libera programo, aŭ ekskurso al ĉirkaŭaĵo. Vespere: Prezentado de Esperanto Rondo Amika

28-an de majo. Antaŭtagmeze: daŭrigo de la urbrigardo. Posttagmeze: libera programo ĝis la 18-a. Je la 18-a horo ŝipveturado sur la Danubo. 20-a horo: partopreno de la Eukaristia Esperanto Vespero.

29-a de majo. Antaŭtagmeze: libera programo, eventuale ekskurso. Vespere: aŭskultado de muziko.

* * *

La przezo de la apartaj aranĝoj estas 1·50 usonaj dolaroj.

Por tiu sumo ni disponigas gvidantojn al la esperantistaro, liberan eniron al la Parlamento, en la banejojn, al la Margaret-insulo, donas prezentadon de ERA kaj se anoncos sin pli ol 30 personoj en nia kategorio, ni donos ankaŭ senpagan bileton al la Danuba ŝipveturado. Ĉiu aliĝinto ricevos senpage la kajeron: Hungaraj brodaĵoj (ilu-

strita). Krome ni ricevos kelke de aliaj favoroj, pri kiuj ni nun havas pritraktadojn. La aranĝantaro prizorgas konvenan aranĝon koncerne la loĝadon eble en hoteloj aŭ ĉe esperantistoj.

La kongreskotizo estas enpagebla per bankĉeko al la Hungara Ĝenerala Kreditbanko por Hungara Esperanto-Federacio, Budapest. Ni petas vin, bonvolu uzi tiun ĉi manieron kaj ne poŝtmandaton, ĉar tiaokaze la kurzo estas iom malpli alta.

Do Samideanoj: kiu deziras aliĝi al niaj aranĝoj, devas:

1) alsendi la 1.50 usonajn dolarojn al Hungara Ĝen. Kreditbanko por Hung. Esper. Federacio, Budapest.

2) Serĉi kontakton kun **IBUSZ** hungarafremdultrafika agentejo, kiu troviĝas en ĉiu lando apud la Eŭkaristia Landa Komitato. Tie oni povas sciiĝi pri ĉio necesa (rabatoj, aliĝo ktp).

3) Kiu mendas loĝejon ĉe ni, por eviti mend-koliziojn kaj fiksi la mendon, bonvolu afable transsendi al nia konto (Hung. Ĝen. Kreditb. por HEF) la trionon de la kontraŭvaloro, kiun vi devos pagi por la tuttempa loĝado (por tago proksimume 5—6 pengoj).

Se vi anoncos vin, vi ricevos pri ĉio detalan informon!

Bonvenon al Budapest!

Kun plena estimo

la estraro de Hungara Esperanto Federacio.

*Adreso: H. E. F. Jozefo de Mihalik profesoro, prezidanto S A S H A L O M (apud Budapest)*

La tempo flugas — la afero urĝas!

---

Ni ricevis jenan alvokon:

**Al Esperantaj Societoj, Esperantistoj en Polujo**

Tre Estimata(j) Samideano(j)!

Estas konata fakto, ke radio plej bone povas servi por disvastiĝo de Esperanto. Dum la lasta tempo kun ĝojo oni povas konstati, ke multaj radiostacioj en la tuta mondo praktike uzas Esperanton dum la plej diversaj disaŭdigoj. Bedaŭrinde, nur la „Pola Radio" malatentas la gravan signifon de Esperanto kaj eĉ ĉesigis disaŭdigi prelegojn en Esperanto pri Polujo, kiuj rikoltis grandan sukceson eksterlande.

Varsovia Esperantista Societo intencas prezenti al Direkcio de „Pola Radio" konforman petskribon vaste dokumentitan pri apliko de Esperanto en radio, petante disaŭdigi en kaj pri Esperanto. Sed estas necesa forta subteno flanke de radioabonantoj kaj radioaŭskultantoj. Tial Varsovia Esperantista Societo presigis specialajn foliojn por kolekti la subskribojn.

Energie kaj zorge kolektu la subskribojn kaj la foliojn resendu al Varsovia Esperantista Societo, Warszawa, Leszno 56/9, plej malfrue ĝis la 20-a de majo 1938.

Memoru, ke nur de via bonvola subteno dependas la sukceso de nia agado!

Kun samideanaj salutoj

*Estraro de Varsovia Esperantista Societo.*

---

## Redakcio kaj administracio al la legantoj.

**S-ino Regina Fels, Lwów.** Ni kore dankas pro la efika varbado. La admonilo koncernis la 1-an kvaronjaron.

**S-ino B. Rothowa, Włocławek.** Ni sendos al vi regule la revuon.

**S-o Adolf Feiner, Warszawa.** La admonilo koncernis la 2-an kvaronjaron.

**S-o Wasyl Doroszenko, Wiśniowiec.** La adreso de Ĉefdel. de UEA por Polujo estas: Białystok, Marsz. Piłsudskiego 33. ne Łódź, kiel Vi erare adresis!

**Ukraina Esperanto-Societo, Lwów.** La mankantan n-on de P. E. ni aldonas. La admonilo temas pri 1-a duonjaro 1938.

**S-o Leon Goldberg, Warszawa.** Ni klopodis jam multfoje ricevi la radio programojn por du monatoj, nome por lae sekvantan kaj sekvontan. Bedaŭrinde la radiobultenoj aperis ĉiam fine de la monato; tiamaniere do ni povas prezenti nur la parton de la radioprogramo.

---

ABONO: jare zł 8·—, duonjare zł 4·—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj jare zł 6·—. Eksterlande 7 sv. fr Aparta numero zł 0·70, duobla zł 1·40
ANONCOJ: 1/2 paĝo zł 30·—, 1/4 paĝo zł 15·—, 1/8 paĝo zł 10·—. Korespondado: anonceto de 10 vortoj (krom adreso) zł 1·—.
PRENUMERATA: rocznie zł 8·—, półrocznie zł 4·—. Dla Towarzystw i grup esperanckich rocznie zł 6·—. Zagranicą: 7 fr. szw. Numer pojedynczy zł 0·70, podwójny zł 1·40.
OGŁOSZENIA: 1/2 strony zł 30·—, 1/4 strony zł 15·—, 1/8 strony zł 10·—. Korespondencja: małe ogłoszenia z 10 słów (prócz adresu) zł 1·—.
Przekaz rozrachunkowy: kartoteka Nr 29, Kraków 2. — Konto P. K. O. Nr 406.160.
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: KRAKÓW, LUBICZ 34.

Wykonano w Drukarni Miejsk. Muz. Przemysłowego w Krakowie. Redaktor odpowiedzialny: Dr Leon Rosenstock.